AE103

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **15/03/2013 Cent-tria Eldono 15/03/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

La informa kaj noma paĝoj aperos nur en la dekaj eldonoj



## IVAN HELDZINGEN

**23.11.1943 - 10.3.2013**

Li estis unu el la plej aktivaj Esperantistoj en Aŭstralio. Amikema, saĝa, laborema, amiko de nia Esperanta familio

Ni donas nian subtenon al lia familio dum ĉi tiu malfeliĉa periodo.



## Ivan. Gaja animo kiun ni perdis malfeliĉe

### De La Esperanto-Federacio de Viktorio

President: John Adams
Vice President: Elrae Adams
Secretary: Esther Parris
Treasurer: Heather Heldzingen
Editor and Publicity Officer:
EFV Web Site: https://sites.google.com/site/esperantofederationvictoria/

**„Aŭstraliaj Esperantistoj“** bedaŭras la malsanon kaj morton de Ivan. Mi, (Roger Springer) diskutis la ideon de la novaĵletero kun Ivan antaŭ ol ĝi ekestis kaj poste pri problemoj kiuj aperis. Lia subteno kuraĝigis min dum la fruaj tagoj kaj poste ĝis kiam li malsaniĝis. Heather kaj Ivan estas miaj bonaj Melburnaj amikoj. Tre bonaj amikoj spite la distancon kiu apartigas nin. Roger Springer

## Mia Amiko Ivan Heldzingen.



Ivan Heldzingen in *the Sun* (Melbourne) 14 July 1964.
'Esperanto for Every-one'.

Mia amiko Ivan vere mankos al mi. Ĉefe lia distinga voĉo, ĉiam klara mankos al mi. Estis ankaŭ sono de gajeca ie en lia voĉo. Malfacilas konstati ke neniam plu oni aŭdos Ivan. Kompreneble Ivan mankos al ni ankaŭ pro amaso de aliaj kialoj.

Mi unue konsciiĝis pri Ivan en 1965 kiam li, kune kun aliaj junaj esperantistoj, rolis en pluraj teatraĵetoj en la Orrong Esperanta Klubo de Melburno. Poste ampleksis miaj rilatoj kun Esperantistoj - ni ĉiuj ĉeestis la Melburnan 'Cup' - Danny Kane kiu entuziasmis pri neoftuzitaj vortoj, Marguerite Fink el Morocco, Peter Moylan (la patro de Jonathan), inĝeniera studento, kaj la impona fianĉino de Ivan, Heather Clarke, Ivan mem, kaj mi.

Ivan Heldzingen, kiu ŝajnis al mi esti tre forta kaj afabla junulo, loĝis ĉe Esperanto Domo, 10 The Crofts, Richmond. Li luis por £3.10 semajne unu ĉambron kaj lavejon kun frostigilo: tiun ĉambron oni ŝanĝis al kuirejo. Ie en muro la ligno putriĝis sufiĉe por ke oni povu vidi la strateton ekstere!

Ĉar mi estis universitata studento, senmona, Ivan invitis min loĝi kun li. Tion mi faris. Kaj baldaŭ mi renkontis la multajn gefratojn de Ivano, kaj lernis la historion de lia familio, vere granda humaneco, simila al romano de Jane Austin, laŭ mi. Ivan kaj mi fariĝis intimaj amikoj, longe paroladis pri tiuj temoj kiuj turmentas junulojn.

Esperanto Domo estis interesa kunvenejo. Mi memoras Tiny Goldsmith de Anglujo, direktoron de Esperanto Publishing Company. Ankaŭ Atika Fredenburg kiu ĵus alvenis el Eŭropo. Ne forgesebla estis Herbert Koppel, S-ro Drummond, unu el la fondaĵuloj de Esperanto en Viktorio, Marcel kaj Alida Leereveld elstaraj geedzoj, kaj la ĝardeno, speciale la dafna arbusto.

Alia plej granda memoro de Ivan por mi estis lia facilkora donacmaniero, intensa politika homaranismo, kaj ke li konsideris min kiel unu el la familio. Dum 2012 mi renkontis la posteulojn, la genepojn, ankaŭ sendube rimarkindajn generaciojn.

CHARLES STEVENSON.

## Funebraĵo de Ivan Heldzingen

La funebraĵo de Ivan Heldzingen kondukiĝis ĉe la Springvale Botanika Kremaciejo de Melburno jaŭdon la 14an de marto. Ĉeestis homamaso. Pluraj Esperanto-flagoj drapiris la

ĉerkon, kaj la okazo finiĝis per "la Espero". Dek kvin Esperantistoj ĉeestis inkluzive Marcel Leereveld kiu ekvojaĝis la postan tagon al la Esperanta Kongreso en Indonezio. Kortuŝaj estis la tributoj de ĉiuj tri gefiloj: Leonie, Leslie kaj Erika. Legis Charles Stevenson bonegan tributon verkitan de Daniel Kane, granda amiko de Ivan.
Ivan kaj Heather ne longe antaŭe festis 47 jarojn de sia geedzeco, feliĉaj, stabilaj kaj plenaj jaroj.
Dum multaj jaroj Ivan ne aktivis en la Esperanta movado - ĝis 2004 kiam li reengaĝiĝis kaj fariĝis forta Esperantisto. Li estis prezidanto de la Viktoria Esperanto Federacio.
Ivan postlasis belan familion. Esperanto perdas ardan Esperantiston - unu el tiuj elstaraj homoj dum la jaroj kiu membriĝis al la Aŭstralia Esperanta movado
Charles Stevenson

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

## Skribu, informu 230 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj

Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Komuniku

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

## ALKLAKU la hiperligilojn markitajn tiel

### AŬSKULTU ESPERANTAN RETRADION TAGE

Informaj rakontetoj, Bona lingvo, http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



## Kompreni kaj paroli fremdan lingvon



Dank'al la specifaj ecoj de Esperanto la transiro de pasiva kompreno al aktiva parolado estas pli facila: La lingvo estas fonetika kaj logika. Oni povas mem kunmeti vortojn. La sukceso en parolado venas pli frue ol en aliaj lingvoj. Tio signifas ke por bone lerni Esperanton necesas parolekzercoj. Bazo por parolekzercoj estas la aŭdado de la lingvo. Tial oni bezonas multe da materialo por stimuli la aŭskultadon al paroladoj en Esperanto.
Mi ja ne dubas ke ĉe junaj homoj kiuj ŝatas lerni Esperanton, la deziro paroli la lingvon superregas.

# Esperantaj-RetRadioj. http://esperanto-radio.com/



Inter ili estas la Pola RetRadio, Radio Vatikano, 3ZZZ, Varsovia Vento, Radio Havano Kubo kaj la Kaliningrada E-radio.
Ankaŭ radio Muzaiko

# KLUBNOVAĴO





## Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj

La kluboj respondecas pri la ĝisdatigo de la anoncoj **Allogu vizitantojn**

## La kluba listo kreskas





### Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj ) rspring@tpg.com.au
Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?



## 3ZZZ Radio Melburno http://esperanto-radio.com/3zzzradio

Esperanto-programo estas dissendita de Melburno ĉiun lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3 FM, kiel ero de la multkultura radio 3ZZZ. Por la nemelburnanoj ĝi audeblas per la reto je www.3ZZZ.com.aŭ dum la sekva semajno aŭ iam ajn en la arkivejo www.melburno.org.au dank'al la ligoj de reta radio.

Por ekzisti ĝi bezonas almenaŭ 40 membrojn kaj bezonas arigi ĉiun oktobron $1000. Se vi pensas ke radio estas subteninda ilo por esperantistoj, nepre membriĝu irante al la retejo www.3ZZZ.com.au. La komitato de la Esperanto-radio en 3ZZZ antaŭdankas vin.



## Central Coast Esperanto Club

kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm
Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



## La Brisbana Esperanto-Societo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato je 1ptm
ĉe la Brisbane Square Library.

Kay Anderson 07 3372 7006

# La Brisbana Esperanto-Kafklubo

kunvenas la kvaran sabaton de la monato je 3ptm
ĉe la Coffee Club en Brisbane Square.
Por pli da informoj vizitu http://www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/



# La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul



# La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane. (4a marto estis jara kunveno)



# Esperanto Kafo Klubo de Kanbero

kunvenas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



# La Manlia Esperanto-Klubo.

kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo
Junaj vizitantoj ĝis 30 jaraj matenmanĝas ĝis $15 ("Rainer Kurz Stiftung zur Förderung des Esperanto")



# Esperanto-Domo Sidnejo

kunvenos Dimanĉon la 24an de Marto 12tm
Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.



# Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

kunvenas la lastan dimanĉon de ĉiu monato 12tm
ĉe "La Kafo Klubo" Torquay Centra, (Orienta Fino). 41 Bristol Road,
Antaŭ venanta: Telefonu 03 5261 2899 aŭ Mbl 0421043272
torquayesperantocoffeeclub@gmail.com



# La Adelajda Esperanto-klubo.

kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato en La Box Factory, Regent Street South. Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.



## Adelajda Esperejo

81/9 East Tce, ADELAIDE 5000, <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3373, estas hejmo de Max kaj Beth Wearing. Tie okazas kunveno ĉiu-sabate (kaj plej ofte ankaŭ vendrede) 10.30 - 12.00h. Vidu, ekzemple, Reunuiĝan Posttagmezon en tiu-ĉi numero de *AE*.

Regule okazas ankaŭ aliaj esperanto-eventoj en la urbocentro de Adelajdo; ekz, jaŭde 10 - 12h ĉe la ŝtat-biblioteko kaj ĉiun unuan merkredon ĉe la skatol-fabriko (18 - 20h).

## Esperanto League of Western Australia (Inc.)

Anoj de nia ligo kunvenas monate la unuan sabaton por komitat-aferoj kaj la trian sabaton por konversacia lingvo-studado.

Ni tre bonvenigas vizitantojn. esperantowa@hotmail.com **Tel: (08) 9343 9532.**

## Aliajn grupojn montras AEA http://www.esperanto.org.au/aea/

Se vi rimarkas eraron aŭ mankon, aŭ se vi volas aperigi la detalojn de via propra grupo aŭ organizo, bonvolu senhezite sendi mesaĝon al ni. Kaj al AE kun taŭga desegno.

## Mankas en AE. Ĉu ili ne plu funkcias? Ĉu estas aliaj?

NOVKASTELA ESPERANTO-SOCIETO
SUDORIENTA ESPERANTO-KLUBO
MELBURNA ESPERANTO KAFO KLUBO
GRUPO DE MELBURNAJ ESPERANTO-LERNANTOJ
MELBURNA ESPERANTA RENKONTO-GRUPO
TOOWOOMBA ESPERANTO-SOCIETO
ORMARBORDA ESPERANTO-GRUPO
ESPERANTO EN SUDAŬSTRALIO

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni deziras forgesi?

## Sydney Language Festival 2013



Macquarie University, Macquarie Park, konstruaĵo W6A,

Sabaton, la 1an de Junio 2013

http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/

## Ĉu via Meetup paĝo reklamas lernu?

# LETEROJ de la legantoj





Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena



Karaj,

5 minutojn post la komenco Ivan parolas. http://www.youtube.com/watch?v=qKthZ0sLFm0

Bedaŭrinde estas iom da bruoj, sed ĝi ja estas agrabla memoraĵo.

Kaj http://www.youtube.com/watch?v=_VbOn9KDagw nur 17 sekunda, sed bela voĉo.

Tie estas gastlibro en kiu oni povas skribi ion pri Ivan.

http://tributes.theage.com.au/obituaries/theage-au/obituary.aspx?n=ivan-wayne-heldzingen&pid=163588181

Amike, Nicole

Kara Roger,

Saluton kaj malfruajn gratulojn pro la 100a eldono de via novaĵletero. :)

Koran dankon. :) ~ Crystal Hill




trovita sur Fejsbuko de Nicole